## TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto - Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio, ORF, Poŝtfako 700, A-1041 WIEN, Aŭstrio.

Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev - Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ.B, Bulgario.

Nikolaj Danovskij, Latvia SSR 226614 RIGA-14, ul. Ostrovskogo 4-4, USSR.

Tadros Megalli, D-8387 ROSENBACH, Untergrabandorf, FRG.

Ĝenerala sekretario - Donĉo Ĥitrov, 1000 SOFIA, ul. Ĥan Asparuĥ 61, Bulgario

Sekretario-kasisto por la okcidentaj landoj - D-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, CITADELLA (Padova), Italio.

Membro de la estraro - Olaf Thormodsen, Box 59, 595501 HAUGESUND, Norvegio.

Red. "INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro - Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ.B, Bulgario; tel. 56-58-77

Redaktoroj: Nikola Aleksiev, Donĉo Ĥitrov

Teknika aranĝo: Veneta Baleva, Evgeni Georgiev

Administranto: Verka Ŝtajner

ENHAVO DE N-RO 2 - 1985



Sur la unua kovrilpaĝo: Junularo de l'mondo...

Karaj TEĴA- kaj ILEF-anoj! Por pli riĉenhava kaj interesa "Internacia Ĵurnalisto" aktive kunlaboru per diversspecaj ĵurnalismaj materialoj. Ni atendas la kontribuaĵojn kaj antaŭdankas.



# INTERNACIA JUNULARA JARO 1985

La Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj en 1979 proklamis 1985 kiel Internacian Junularan Jaron. Ties devizo estas "Partopreno, evoluo, paco". Ĉefaj celoj de la Jaro estas aktivigo de la junulara partopreno en sociaj kaj ŝtataj aferoj, pligrandigo de ilia kontribuo al plenumo de taskoj de sociala-ekonomia karaktero, pligrandigo de la rolo de la gejunuloj en pacbatalo.

La junularaj rajtoj povas esti certigitaj nur en la kondiĉoj de stabila paco. La internacia publiko, kiel emfazas rezolucio de la lasta 39-a sesio de la Ĝenerala Asembleo de UN, konsideras necese disvastigi inter la gejunuloj la idealojn pri paco, pri estimo de la homrajtoj kaj fundamentaj liberecoj, pri demokratio kaj progreso. Ĉiuj akutaj problemoj de la nuna mondo tuŝas la junularajn interesojn. Batalo kontraŭ senrajteco, kontraŭ ĉiuj formoj de subpremo, kontraŭbatalo de malsato kaj malsanoj, batalo por justaj ekonomiaj rilatoj, movado por konservo de sana ĉirkaŭmedio - por tiuj kaj aliaj gravaj problemoj de nia nuntempo sin engaĝas gejunuloj. Ne nur per ilia laŭnombra forto (en 1980 en la mondo estis 850 milionoj da homoj en aĝo inter 15 kaj 24 jaroj, ĝis la komenco de la tria jarmilo ili estos pli ol unu miliardo, sed ankaŭ per la forto de al la junularo specifaj ecoj - reagi kuraĝe al maljustaĵoj, agadi energie, senkompromise.

1985 estas ankaŭ jaro de la XII Tutmonda Festivalo de Junularo kaj Studentaro en Moskvo. Por dua fojo (post 1957) en la historio de la festivala movado ĉi-somere la sovetia ĉefurbo akceptos gastojn. La celoj kaj taskoj de tiu ĉi forumo grandparte koincidas kun tiuj, starigitaj enkadre de la Internacia Junulara Jaro - 1985, aparte en la sfero de batalo kontraŭ la minaco de nuklearmila milito.

Pere de komuna komisiono de TEJO-UEA en la E-movado oni ple

numas agadplanon omaĝe al la Jaro. Unu el la ĉefaj manifestaĵoj estas malferma internacia seminario de TEJO pri la temo "Kooperativoj kaj junularo", kiu okazos en Tuzla (Jugoslavio). Gazeto "TEJO - tutmonde" en sia n-ro 1/1985 starigis rubrikon "Internacia Junulara Jaro '85", en kiu estas publikigataj artikoloj verkitaj de junaj esperantistoj. Ili temas pri aktualaj junularaj problemoj de la koncerna lando aŭ kontiento, en kiu la aŭtoro loĝas. En "TEJO-paĝo" de februara numero de revuo "Esperanto" estas represita artikolo el anglalingva eldonaĵo, kiu atestas pri la mizeraj vivkondiĉoj de granda parto de la monda junularo.

Por ke la juneco ĉie en la mondo estu efektive ĉarma tempo de farado de planoj, tempo de esperoj, de la unuaj firmaj paŝoj en la vivon, oni devas nepre batali. La batalo jam iras kaj donas fruktojn.

Evgeni GEORGIEV

## "TEJO — TUTMONDE" kaj la Internacia Junulara Jaro

La internacia gazeto "TEJO-tutmonde", dumonata bulteno de TEJO kun movadaj novaĵoj por ĝiaj individuaj membroj, landaj kaj fakaj sekcioj, kaj kontaktadresoj, havas novan rubrikon, en kiu aperas artikoloj verkitaj de junaj esperantistoj el ĉiuj kontientoj de l'mondo. La tekstoj klarigas aktualajn junularajn problemojn de la koncerna lando aŭ kontinento, en kiu la aŭtoro loĝas. La Internacia Junulara Jaro - 1985, kiun proklamis UN, donas la eblecon al junaj homoj esprimiĝi pri ilia vivo, kion ili pensas pri junularaj problemoj kaj regionaj kaj tutmondaj, kiel ili vidas la nuntempon kaj estontecon de tutmondaj junularaj rilatoj.

En la unua ĉi-jara numero de "TT", sub la titolo "Ĉu la hodiaŭaj gejunuloj estas aliaj", svisa politikistino komparas la svisan junularon hieraŭ kaj hodiaŭ. En alia artikolo de la sama numero aperis diskuto pri la temo "Junularo kaj medioj", en kiu la aŭtoroj lamentas pri la malparto-

preno en la amaskomunikila aktiveco de granda parto de svisaj (sed ankaŭ ĝenerale okcidentaj) gejunuloj, kiuj nur pasive konsumadas la gazetaron, radion, televidon, muzikprogramojn ktp.

Kun sia "Historio de kampara junulo" juna esperantisto, loĝanta en la okcidentafrika lando Gambio, interese skizas problemojn de gejunuloj tipajn ne nur en tiu lando, sed ankaŭ en cetera Afriko.

Ĉi-jare ankoraŭ kvar numeroj de "TEJO-tutmonde" atingos la legantojn. Estas antaŭviditaj kontribuaĵoj verkitaj de junaj esperantistoj el Ameriko, Azio, Oceanio kaj Orient-Eŭropo.

Andy E. KÜNZLI(Svislando),
redaktoro de "TT"

## JUNULARA GAZETARO EN GDR EN 1985

En 1985 la popolo de GDR festas la frakason de la nazia diktaturo. En tiu granda kaj longjara batalo Sovet-Unio devis porti la plej grandan ŝarĝon. Sennombraj estis la viktimoj de la sovetia popolo, nemezureblaj la detruoj, kiujn postlasis la furiozado de la hitleraj armeoj kaj ties aliancanoj. Ŝajnas al mi aparte simboleca, ke ĝuste en la 40-a jubileo de la venko super faŝismo Moskvo, la ĉefurbo de Sovet-Unio, estas gastiganto de la XII Monda Festivalo de Junularo kaj Studentaro.

En la vivo de GDR-junularo tiuj du eventoj, nome la liberigo el sub faŝismo kaj la Monda Festivalo, en la Internacia Junulara Jaro estas firme ligitaj. Diversmaniere la membroj de libera Germana Junularo (FDJ), en kiu la plejmulto estas organizata, aktivas por honori ilin. Kompreneble tio respeguliĝas en la gazetaro de gejunuloj. Ja ekzistas ne nur ĵurnalo de FDJ, kiu apartenas al la plej ŝatataj ĵurnaloj en mia lando("Junge Welt" - Juna Mondo), sed ankaŭ aliaj porjunularaj periodaĵoj kun teknika, kleriga, organiza aŭ simple junulara enhavo. Teknika monat-eldonaĵo estas "Jugend + Technik" (Junularo + Tekniko). Ties februara numero bone kombinas la kutiman vastan spektron de temoj traktataj: informado pri plej modernaj teknologioj kaj teknikaj produktoj, el kiuj ĉiam elstaras mikroelektro

niko kaj mikroprocesora tekniko, prezentado de teknikaj sportaĵoj (paraŝutado, aŭtomodeloj), trafiko (ŝipveturado), kemio, dokumentado pri la konzerno de Flick, kiu multe gajnis per instigado al milito.

Alian temaron ofertas revuo "Neues Leben" (Nova Vivo). Ĝi estas pli literatura - kultura. Ni trovas rakontojn de junaj debutuloj kaj spertaj aŭtoroj. Serio raportas pri la agado de kontraŭfaŝistoj dum la Dua Mondmilito. El la muzika mondo prezentas sin grupoj PUHDYS kaj BLAMU. La vivstilo de nia junularo estas elmontrata per artikoloj pri loĝado kaj laboro en vestaĵ-fabriko. Kaj... kaj... kaj... La tutan gamon de temoj oni apenaŭ povas listigi. Sed plej grave estas, ke tiuj revuoj estas vere junularaj kaj tre aprezataj.

Michael LENNARTZ(GDR)

## REDAKTI „KONTAKTO"-N

Petis min skribi artikolon pri mia laboro por "Kontakto" Evgeni Georgiev. Tion mi volonte faras, ĉar ĝi donas al mi bonan sancon pripensi mian propran laboron kaj miajn principojn.

Kiam mi akceptis la taskon fariĝi redaktanto de la malfacila parto de revuo "Kontakto", mi havis iomete da sperto pri redaktado. Mi kiel deksep-dekokjarulo estis membro de la "junulara redakcio" de nia loka gazeto "Norrländska Socialdemokraten" en norda Svedio. Tio estis eksperimento, kiu daŭris nur unu jaron. La redakcio volis, ke gejunuloj transprenu parton de la gazeto kaj tiamaniere ankaŭ allogi junajn legantojn. Oni elektis tri gejunulojn el ĉiu el la plej grandaj dek lokoj aŭ regionoj de la gubernio kaj petis ilin ekverki. Bedaŭrinde la rezulto estis magra. Nur kelkaj el la aro aktivis kaj baldaŭ la tuto fiaskis. Mia dua klopodo redakti estis, kiam mi fariĝis redaktanto de revueto "ktp" de Sveda Esperantista Junulara Unuiĝo. Tiun taskon mi plenumis inter 1978 kaj 1984.

Kiam mi ekredaktis "Kontakto"-n mi do estis ne tro sperta, sed tamen mi kun ĝojo ak-

ceptis la taskon. Kial? Ĉar mi havis ideojn. Mi iam tralegis la liston de periodaĵoj en la Librokatalogo de UEA kaj ektrovis, ke nur triono el la ekzistantaj 150 periodaĵoj esperantlingvaj temas pri neesperantaj kaj nemovadaj temoj. Laŭ mi tio estas danĝera stato. Imagu, ke du trionoj el la germanlingvaj gazetoj temus ĉefe pri la germana lingvo kaj pri la laboro disvastigi ĝian uzon. Nemultaj homoj emus legi tiajn gazetojn.Tial mi ekhavis fortan senton, ke ni devas krei revuojn en Esperanto pri neesperantaj temoj, aŭ pli grave subteni la jam ekzistantajn: "Monato"-n,"Kontakto"-n, "Homo kaj kosmo"-n kaj multajn aliajn.

Kiam mi ekredaktis "Kontakto"-n mi do decidis sekvi mian principon: artikolojn pri movadaj aferoj mi ne akceptu. La realaĵo montriĝis esti pli komplika. Pli ol duono de la artikoloj, kiujn mi ricevas sen peto, temas pri okazintaj Esperantaj aranĝoj aŭ petas min reklami pri estontaj aranĝoj. Bonajn fakartikolojn mi nur malofte ricevas sen peto. Mi do frue ekkonsciis, ke mi devas labori kun bona tempoplano. Mi devas frue plani la temojn en kunlaboro kun la redaktanto de la facila parto Anna Brennan kaj la teĥnika redaktanto Stefan MacGill. Mi sendas petojn skribi artikolojn al kunlaborintoj de"Kontakto", al delegitoj de UEA, se ilia fakdeligiteco kongruas kun la temo kaj al aliaj personoj. Aparte fruktodona estis la kunlaboro kun Radio Pekino. Mi sendas al ili informojn pri novaj temoj. Ili faras radio-programon pri tiu temo, dissendas ĝin kaj poste sendas la manuskripton al mi, kiu redaktas ĝin kaj aperigas ĝin en la koncerna numero.

Kiaj estas la reagoj de la legantaro? Mi, bedaŭrinde,ricevas malmultajn leterojn de miaj legantoj, ĉirkaŭ kvin ĉiujare. Mi plurfoje legas ilin. Ĉirkaŭ duono el ili estas laŭdaj. Aliaj kritikas la enhavon de iu aparta artikolo, aŭ plendas pri neaperigo aŭ tromallongigo de io. Mi lernas tre multe kaj de laŭdaj, kaj de kritikaj leteroj.

Malfacile estas trovi bonajn temojn. La temon "Kooperativoj" laŭdegis kelkaj. Mi ricevis plurajn dankleterojn! Aliaj ĝin kritikegis kaj opiniis la temon tedega. Mi kredas, ke la ĝis nun plej po-

pulara kaj ŝatata temo estis "Japanio". Geografio kaj popolkulturoj estas ŝatata afero. Ni nun laboras por nova numero - pri "Afriko", verkita de afrikanoj. Eble venonta numero povos temi pri "Ĉinio". Ĝin certe sekvos aliaj temoj.

Leif Gunnar NORDENSTORM,
Svedio

GASTE ĈE ESTONTAJ ĴURNALISTOJ

Fako "ĵurnalismo" ĉe Sofia Universitato "Kliment Ohridski" jam havas 30-jaran historion. Tie dum kvin jaroj per lekcioj kaj praktikaj ekzercoj en la redakcioj de amaskomunikiloj la studentoj sin preparas por labori en la sfero de profesia ĵurnalismo. Ili studas diversajn disciplinojn: "Sciencaj bazoj de la ĵurnalismo", "Ĵurnalismaj ĝenroj", "Historio de la monda ĵurnalismo", "Fotoĵurnalismo", "Ĵurnalismo en la gazetaro, radio kaj televido", "Ĵurnalismo de kulturaj, ekonomiaj kaj sociaj problemoj", "Lingva stilistiko", "Filozofio", "Etiko", "Estetiko", diversaj lingvoj laŭdezire (angla, franca, itala, hispana kaj portugala). Garantio por sukcesa instruado estas la fakto, ke la pli granda parto de la lektoroj estas profesiaj ĵurnalistoj, kiuj estas kvalifikitaj spertuloj.

La bona teoria kaj praktika preparo, kiun ricevas tie la studentoj, al la ĵurnalista fakultato altiras multajn alilandanojn. Nun en Bulgario ĵurnalismon studas 150 eksterlandanoj el 30 landoj (Afganlando, Brazilo, Greklando, Etiopio, Irako, Jordanio, Sirio, Ĉilio, Cipro, Hungario, Ĉeĥoslovakio, USSR, Jugoslavio k.a. landoj.

Dum renkontiĝo kun la fakultata dekano - docento Miĥail Minkov, gvidanto de katedro "Ĵurnalismo en la radio, televido kaj kino", - li emfazis, ke en la fakultaton la alilandanoj venas post unujara lernado de bulgara lingvo en la Instituto por eksterlandaj studentoj "Gamal Abdel Nasâr". Poste ili kune kun bulgaraj studentoj vizitas la lekciojn, sed ekzercojn ili faras aparte. Speciala lektoro klarigas al ili malfacilajn demandojn.

mi eksciis pri la ambicia polino Joanna Czeszkowska, kiu kun permeso de la fakultata estraro faras ekzamenojn de tria kaj kvara studjaro en unu jaro. En la fakultata arkivo mi vidis la artikolojn de Snuki Boj Moremi el Respubliko Sud-Afriko, publikigitajn en diversaj bulgaraj ĵurnaloj. Ĉi-momente li studpraktikis ĉe sindikata ĵurnalo "Trud"(Laboro).

Fernando Ĵoris Lopŝ Perejra, 30-jara, el Gvineo-Bisaŭo laboris ok jarojn en la redakcio de ŝtata ĵurnalo "No Pinĉa"(Antaŭen). En lia patrujo la ĵurnalistoj ankoraŭ ne havas fakan preparon. Tiu, kiu sukcese finlernas gimnazion kaj havas talenton povas labori en la redakcio. Post dujara provperiodo oni fariĝas ĵurnalisto. Fernando opinias, ke ĉiu, kiu deziras esti bona ĵurnalisto, devas havi teorian preparon. "Antaŭ mia veno en Bulgarion, kien min sendis nia Ministerio de Klerigado, mi finis kvarmonatan teorian kurson en GDR. Tre interesa por mi estis studobjekto "Historio de la plej nova epoko", kiu konigis al ni la historion de du mondmilitoj kaj iliajn postsekvojn. Mi interesiĝas pri fotoĵurnalismo, kiu estas mia ŝatokupo".

Ĥmed Al Sufi, 24-jara, el Jemena Popol-Demokratia Respubliko, dum tri jaroj laboris en la redakcio de ŝtata ĵurnalo "14-a de oktobro". Li estas en unua studjaro kaj plu kunlaboras al sia ĵurnalo. Ĥmed estas ĝia korespondanto en Bulgario. Al siaj samlandanoj li rakontas pri la bulgaraj naciaj poetoj Ĥristo Botev kaj Nikola Vapcarov, entuziasme skribas pri la socialisma konstruado: "Mi interesiĝas pri historio, ĉar mi opinias, ke "nenio nova sub la suno". Oni devas koni la leciojn de la historio, se dezirus kompreni la vivon kaj prognozi la estontecon. Mi multe lernas el la vivpraktiko de la bulgaroj, el iliaj kutimoj, ĉar ili jam trapasis tiun vojon, laŭ kiu ni nun iras".

Maria JANKOVA-BOJAĜIEVA

---

Jam aperis la unua numero de "Kvinpinto", komuna gazeto de la esperantista junularo de la kvin nordaj landoj: Danlando, Finnlando, Islando, Norvegio kaj Svedio.




## JUNA FOTISTINO

LADA MILKOVA - unu el niaj plej aktivaj kunlaborantoj, estas profesia fotistino kaj estras la fotolaboratorion de Studio por pentro- kaj pupfilmoj "Sofia" (Bulgario). Ŝi finis fotistan faklernejon "Julius Fuĉik" en la bulgara ĉefurbo kaj specialiĝis kiel fotoraportisto en la semajna gazeto "Pogled" (Rigardo).

Milkova estas esperantistino, membro de TEĴA kaj ILEF, kiu regule kontribuas per fotoj ankaŭ al bulgaraj kaj alilandaj E-gazetoj kaj revuoj: "Bulgara Esperantisto", "Kolektanto", "Internacia Ĵurnalisto" k.a. Ŝi partoprenis Internacian Fotoekspozicion, organizitan fare de ILEF dum la 68-a UK de Esperanto en Budapeŝto (1983) kaj gajnis III premion pro sia kolekto de raportaĵ-fotoj el la ĉiutaga vivo.

Ĉi-sube ni prezentas al niaj legantoj kelkajn fotojn karakterajn por la krea stilo de Lada Milkova.



Infanoj



El malnova Plovdiv



Laboranta kolego



Maljunulino

# TRADUKO EN E-ĴURNALISMO

## Artikolo 3

En la kerno de ĉiu socie kreata lingvo-kulturo estas traduko de beletro. Sur tiu bazo stabiliĝas la lingvo mem kaj formiĝas ties normo, por kiu servas la popola lingvo, popola saĝo, popola sprito. Sur tiu bazo elkreskas originala beletro kaj evoluas ĉiuj ĝenroj de literaturo: teknika, arta, scienca, drama, kina, kritikista, publicista kaj ajna alia speco de lingvaĵo, inter kiuj certe sin prezentas la ĵurnalisma lingvo. Ĝi estas certagrade sinteza lingvo, ĉar ĝia destino estas pritrakti ĉiujn sferojn de homa kaj socia sinesprimo.

Kiam mi prenas en la manojn E-volumojn tradukajn min ĉirkaŭprenas sento de ekzalto, fiero pri la heroa faro de entuziismuloj. Vere: "La faraono", "Marta", "Sinjoro Tadeo", "Fabloj de Krilov", "Fabeloj de Andersen", "Revizoro", "Reĝo Lear", "Eŭgeno Onegin", "Dia komedio", "Don Kiĥoto", "Sub la jugo", "Sep fratoj", "Kandido" ktp. ktp. Vera miraklo!

En unua stadio avangardas abnegacia sindona laboro de sinoferaj tradukistoj. Sed la eldonitaj volumoj nur estas la pinto de glacimonto. La reala traduklaboro estas centoble pli granda. Tiel okazas en ĉiu lingvo. Tiel okazas ankaŭ en la Internacia Lingvo. Mi legas en "Enciklopedio de Esperanto", ke estis tradukitaj "Milito kaj paco", "Anna Karenina", "Fratoj Karamazov". Laŭ rakontoj de odesanoj estis tradukitaj "Malvivaj animoj" de Gogol, "Fera torento"de Serafimoviĉ.

Kie estas ili? Ne aperis. Kie estas iliaj manuskriptoj? Oni ne scias. Eble, iam ili estos elfositaj el iuj arkivoj,samkiel estas elfosataj de arkeologoj la verkoj de homa kreo en pasintaj epokoj.

Estas en diversa stadio de preteco manuskriptoj de "Kiel ŝtalo estis hardata" de N. Ostrovskij, "Majstro kaj Margarito" de M. Bulgakov, "Suda kruco" de Ju. Slepuĥin ktp. ktp. Ĉio ĉi estas tradukoj, pri kiuj mi scias. Sed estas centoble pli multaj, pri kiuj mi ne scias...

Observante la aktivadon en la traduk-sfero oni povas imagi, ke tio estas unu el la vivsimptomoj de evoluanta kulturfenome-

no. Laŭ stato kaj movo de traduk-streboj kaj traduk-faroj oni povas konkludi ĝeneralan evoluon de la lingvo kaj de la movado, de unu flanko, kaj por nia TEĴA-faceto gravan evoluon de majstreco en E-ĵurnalismo, de alia flanko.

Perceptinte la fariton en la traduk-sfero kaj faraton, ni povas admiri kaj adori la kolosan laboron jam plenumitan de esperantistoj surbaze de sola kaj unuka entuziasmo, abnegacio, absorbiĝo en grava kaj nefacila laboro.

Sed, turninte rigardon al la nacia beletro (inkluzive ankaŭ de traduka) ni momente sentas ŝanĝiĝon en la panoramo kaj ĝia skalo. Tuje farita E-laboro malgrandiĝas - malgrandiĝas ĝis iuj formikaj dimensioj. Kaj ni surprize kaptas nin je la miro... Kiom terure malmulte, mikroskope malmulte dume faris esperantistoj kompare kun siaj laŭtparolataj pretendoj kaj kompare kun siaj memfidaj kaj aparte laboremaj kolegoj el la familio de t.n. kulturaj naciaj lingvoj.

Pure beletra E-revuo ja estas sola malgrandformata "Fonto", plenumanta ĉiujn postulojn de beletra kreado kiel originala,tiel ankaŭ traduka. Kaj la saman funkcion en familio de la naciaj kulturaj lingvoj plenumas centoj (eble eĉ miloj) da diversspecaj beletraj revuoj kaj magazinoj. Kaj eĉ se temas nur pri tiuj 65 lingvoj, kiuj "eltenis ekzamenon" je nivelo de kulturaj lingvoj, tiam la E-beletro devus havi almenaŭ 65 beletrajn revuojn, en kiuj povus esti dece prezentitaj tradukoj el ĉiuj ĉi respektivaj lingvoj.

Legante E-periodaĵojn oni ofte povas trovi emfazajn asertojn pri graveco de la disvastigo de Esperanto kaj precipe pri iu ekstera agnosko. Ili devas stimuli, akceli kaj asisti la kreon de E-revuoj kaj ĝenerale disvastigon de la Internacia Lingvo. Sed ĉiuj ĉi asertoj estas vanaj revoj, ĉar la E-kulturo ankoraŭ ne staras sur la nivelo, kiu necesas por similaj faroj de ekstera mondo.

Kaj se por meznivelo preni amplekson kaj kvaliton de tradukado necesas, oni konstatas, ke ankoraŭ ne estas kreitaj necesaj premisoj por vasta utiligo de beletraj kaj ali-literaturaj revuoj.

Sed ĉio ĉi estas ĝeneraligita bildo. Kaj ni volis pliprecizigi ĝin aplike al la E-ĵurnalismo.

Kiu estas la ligo inter lingvaĵo de E-ĵurnalismo kaj beletra traduko?

Plej intima kaj rekta! Ĝuste el tradukoj de naciaj kulturaj popolaj trezoroj kreiĝas la trezorejo de E-kulturo, kiel ido kaj heredanto de naciaj kulturoj. Por ke la lingvo de E-ĵurnalismo fariĝu pli impresa, pli esprimpova, pli vivkapta ĝi devas asimili la perlojn" de naciaj lingvoj. Certe, la traduko savas la ĵurnaliston, helpas lin. Certe, per traduko li trovas tion, ki on li longe serĉas. Certe, ĝi estas ekvivalento de belo.

Sed tamen ekzistas ja traduko kaj la traduko. Oni povas tralegi tradukon kaj kompreni kion estis dirinta la majstro de l' originalo. Sed oni povas legi la tradukon kun plezuro, tute for gesinte pri ĝia traduka deveno. Kapablo prezenti en la traduko la ideojn, emociojn, ĝenerale la "spiriton" de la originalo, ti el ke ĝi efiku senpere, kvazaŭ oni legas la verkon en sia propra lingvo, tio jam estas traduk-arto.

Evidente, estas naskiĝanta teorio de traduko, kiu helpas uzi la rimedojn pleje adekvatajn, pleje majstrajn. Tamen ankaŭ tio postulas certan kapablon kaj erudicion.

N. DANOVSKIJ

IMITINDAJ ĴURNALISTAJ AKTIVECOJ

BELGIO. Dum la pasinta jaro la franclingva gazetara servo de de Belga E-Federacio, sub la gvido de nia kolego Germain Pirlot, sukcesis aperigi pli ol 250 leterojn kaj artikolojn pri la Internacia Lingvo en la belga gazetaro. Tio atestas, ke tiu infor ma laboro tre kontentige progresas, ĉar en 1983 jam aperis 167 leteroj kaj artikoloj.

BULGARIO. Nia kolego Jordan Kalinov el apuddanuba urbo Ruse estas distrikta korespondanto de la gazetoj "Sobreco","Bulgara Esperantisto", kontribuanto al loka distrikta ĵurnalo "Dunavska Pravda"(Danuba Vero) kaj loka Radio-centro. Al la lokaj amaskomunikiloj li havigas priesperantajn informojn. Samtempe Kalinov varbas membrojn de TEĴA kaj abonantojn por "Internacia Ĵurnalisto".

Li sendas ekzemplerojn de "IĴ" ankaŭ al siaj eksterlandaj kolegoj kaj instigas ilin estiĝi membroj de TEĴA.

La Redakcio de "IĴ" dankas al kolego J. Kalinov pro lia TEĴA-aktivado.

# KIOM NI NOMBROS EN XXI JARCENTO?

Se komence de l'jarcento la Tera loĝantaro apenaŭ superis miliardon kaj duonon, jam fine de l'jarcento estas prognozata ĝia kvarobligo. La demografia revolucio prezentas modifon de la tipo de demografia ekvilibro. La granda mortokvanto kaj alta naskonombro cedos lokon al ekvilibro de malalta mortokvanto kaj malalta naskonombro. La atingaĵoj de medicina scienco kaj la socialaj akiraĵoj disponigis sufiĉe da efikaj rimedoj al la batalo por plidaŭrigo de l'homa vivo. Kaj se fine de la pasinta jarcento nur unu el dekkvar rusoj povus atingi okdekdekan jaraĝon, en nia epoko similan ŝancon posedas jam ĉiu tria.

Sed ankaŭ la naskonombro suferis modifojn: abrupte kreskis la rolo de konscience prenataj decidoj. Antaŭe la tuta edzina vivo de rusa virino de ŝia 20-a ĝis 50-a jaraĝo estis periodo de naskado, flegado kaj kreskigo de infanoj, multaj el kiuj formortadis. Post la demografia revolucio en ĉiuj mondpartoj komence de la 60-aj jaroj de nia jarcento, la periodo inter la geedziĝo ĝis la naskiĝo de la lasta infano en la vivo de moderna patrino daŭras nur naŭ jarojn. Kaj kvankam la naskitaj infanoj estas pli malmultaj, ili preskaŭ ĉiuj restas vivaj kaj kreskas. La historia sperto permesas skizi tri tipajn skemojn pri la evoluo de demografia revolucio. La unua povas esti ilustrita per la ekzemplo de Francio. Tie la demografiaj modifoj komenciĝis fine de dekoka jarcento. Dum la deknaŭa la homaro sukcesis krei sufiĉe efikan kontrolon super la mortokvanto. Rezulte en Francio la mortokvanto estis akompanata per pli-malpli proporcia malaltigo de la naskonombro kaj tiu lando fakte ne konas demografian eksplodon.

Ekzemplon pri la dua kaj ne tiom disvastiĝinta skemo prezentas la skandinaviaj ŝtatoj, Germanio kaj kelkaj aliaj okcidenteŭropaj landoj. Tie mankis radikala rompo de la socialaj rila-

toj, kiun travivis Francio. Tial, kvankam la mortokvanto komencis malaltiĝi jam fine de dekoka jarcento, la malaltiĝo de la naskonombro "malfruiĝis" je cent jaroj. Nome tio provokis demografian eksplodon en Okcidenta Eŭropo dum deknaŭa jarcento: ĝia loĝantaro kreskis de 160 al 295 milionoj, t.e. per 85%, ekster la elmigro de kelkdekoj da milionoj.

Dum XX jarcento la demografia eksplodo transformiĝis en tutmondan kaj tio estas ligita kun la tria evoluskemo de demografia revolucio, tre specifa en la liberiĝintaj landoj. Tie la mortokvanto malaltiĝis tre rapide kaj en multaj landoj ĝi jam estas konsiderinde pli malalta ol kie ajn dum la deknaŭa jarcento. Dume, la amasa malaltiĝo de la naskonombro apenaŭ komenciĝas kaj krome - ne ĉie. Tial la supereco de naskonombro al mortokvanto atingas grandegajn dimensiojn. Se oni prenus antaŭvide, ke en la evoluantaj landoj loĝas ne malpli ol 70% de la planeda loĝantaro, klariĝas kial la potenco de moderna demografia eksplodo ege superas ĉion konatan ĝis nun kaj kial oni rajtas aserti, ke tiu demografia eksplodo estas tutmonda.

Ĉu ĉesos la pliiĝo de la loĝantaro sur la Tero? Jes, ĝi ĉesos. Jam nun en la landoj, travivintaj la demografian revolucion, ĝis 50-a jaraĝo atingas 85% de novnaskitoj. La meza vivdaŭro de novnaskitoj dum la demografia eksplodo plialtiĝis de 30-35 al 70-75 jaroj, sed poste la kresko ĉesas. Nature, portempe en Suda Azio Tiu ĉi cifero apenaŭ superis 50 jarojn, kaj en Afriko, laŭ la prognozoj, eĉ tie post 40-45 jaroj la meza vivdaŭro alproksimiĝos al 70 jaroj. Kaj tio signifas, ke tiutempe malaltiĝos la mortokvanto en monda skalo.

Sed ĉu malaltiĝos la naskonombro? Aktuale, kiel tuto, en la ekonomie evoluintaj landoj ĉiuj cent virinoj naskas dum sia vivo ne pli ol ducent infanojn. Kaj ĉar parto de ili - kvankam malgranda - mortas, tie ne estas garantiata eĉ simpla restarigo de la nombro de generacioj. Tamen tute malsama estas la stato en la evoluantaj landoj. Tie ĝis antaŭnelonge ĉiuj cent virinoj naskis pli ol kvincent infanojn, inkluzive 250 knabinojn, el kiuj proksimume 200 ĝisvivas aĝon, kiam ili mem fariĝas patrinoj. Rezulte de tio, la nombro de la loĝantaro duobliĝis. Dum la dua duono de 70-aj jaroj tie la meza nombro de infanoj

de cent virinoj unuafoje falis sub kvincent. Nature, ankaŭ tiu cifero estas tre alta. Ĝi pruvas, ke la demografia eksplodo ankoraŭ ne povas ĉesi. Sed jam ekzistas argumentoj por aserti,ke ĝia plej alta supro foriĝis.

La demografia revolucio ĉiam estas ligita kun sociekonomiaj modifoj: industriigo, urbanigo, kulturaj ŝanĝoj en la vivmaniero de l'homoj. Ĝenerale oni rekonas, ke tiuj faktoroj nepre malaltigas la naskonombron. Kaj fakte, en la evoluantaj landoj komence de 50-aj ĝis la 70-aj jaroj la nombro de novnaskitoj de cent virinoj malpliiĝis je kvarono. Ĝi precipe malpliiĝas abrupte en Orienta Azio kaj en Latin-Ameriko. Portempe ĝi ne malpliiĝas nur en Afriko. Sed dum proksimaj jardekoj ankaŭ tie ĝi komencos malaltiĝi.

La nombro de homoj en XXI jarcento daŭre kreskos, sed tiu proceso malrapidiĝos kaj malintensiĝos. Per plej altaj ritmoj la homaro kreskis dum 1960 - 1975 - per 1,9% ĉiujare.Poste tiu cifero komencis malaltiĝi kaj aktuale ĝi estas 1,7%.Fine de la jarcento, laŭ prognozoj de sciencistoj, tiu procento estos 1,5 kaj ĉirkaŭ la jaro 2025 - malpli ol 1. Sed la absolutaj ciferoj de plukresko de la loĝantaro restos ankoraŭ tre altaj: 8,2 miliardoj fine de la venonta jarcento. Kaj nur post la transiro al XXII jarcento la nombro de l'homaro akiros stabilecon. La demografia revolucio, komenciĝinta en Okcidenta Eŭropo dum dekoka jarcento, finiĝos. Ĝi tamen lasos profundajn spurojn en la vivo de l'homaro. Dum 1 aŭ 1,5 da jarcentoj abrupte modifiĝos la kreiĝinta dum miljaroj bildo de disloĝiĝo de la homoj. La ĉefa areno de demografia eksplodo estas Suda kaj Orienta Azio, Latin-Ameriko kaj Afriko. Aktuale tie loĝas pli ol 70% de Tera loĝantaro. Ĉirkaŭ la jaro 2000 ties parto plialtiĝos al 81%, kaj meze de XXI jarcento - al 87%. Samtempe modifiĝos esence ankaŭ la proporcioj interne de tiu grupo da regionoj. La plej loĝata mondoparto, kiel ĝis nun, restos Suda Azio. Sed je la dua loko aperos Afriko, serioze superante Orientan Azion, en kiu troviĝas Ĉinio - la plej loĝata lando de nuntempa mondo.

Trioble plialtiĝos la denseco de monda loĝantaro. Ĝi atingos nivelon de preskaŭ 100 personoj je kvadrata kilometro, kiel es

tas en Eŭropo. Sed en malproksima estonteco ĝin superos Suda Azio: en XXI jarcento tie loĝos 240 personoj je kv. kilometro. Tamen daŭre restos dezertaj Antarktido, Grenlando, la sablaj vastaĵoj de Afriko, Azio, Aŭstralio.

N. ALEKSIEV

---



DMITRO PAVLIČKO,
SOVET-UNIO

## OSVENCIM

Neniam al Osvencim mi revenos,
kvankam volonte venis tien ĉi.
De filinetoj miaj ŝuoj tie ĉi
per elŝiritaj langoj lamentadas.

Ĉi tie okulvitroj de la patro
sur amasego de rompitaj kadroj
rekonis mi laŭ la tenden' de l'bovo,
per kiu ili estis kunligitaj.

Ĉi tie grizajn harojn de l'patrin'
rekonis mi en la virina haramaso
laŭ la tiget', lasita dum falĉado.

Ne serĉu metaforojn en ĉi versoj, -
nur se neniam havis vi gepatrojn
kaj bebojn vi neniam piedvestis.

(El la poemaro "AMO KAJ MALAMO",
ciklo "Blankaj sonetoj"
El la ukraina lingvo: N. ANDRIANOVA

## ESPERANTISMO, NEŬTRALECO KAJ EKOLOGIO

En "Heroldo de Esperanto", n-ro 8 (24.06.1984), estas publikigita tre interesa artikolo, titolita "La ekologia difino de la neŭtraleco en esperantismo" de d-ro Wolfgang Günther (Kassel, FR Germanio). Tiu artikolo estas fakte granda recenzo de la libro "La mito de la maŝino" de Lewis Mumfort.

D-ro W. Günther citas la jenan penson de L. Mumfort: "Nur baza reorientigo de nia mult-laŭdata teknologia vivmaniero savos tiun ĉi planedon fariĝi senviva dezerto. Kaj sen tia ampleksa ŝanĝo de la homaj deziroj, kutimoj kaj idealoj oni ne povas apliki la necesajn materiajn rimedojn por la protektado de la homaro - tute ne parolante pri la plua evoluado de ili".

En sia artikolo s-ro Günther penas konvinki nin, ke neŭtraleco estas idealo, kiu nin interesas kaj ĝi donas al ni bazon por la ekologia difino de la neŭtraleco de Esperantismo. "Zamenhof - laŭ li, - evidente neniel antaŭsentis, ke ne nur problemoj de nacieco kaj kulturo, sed same, aŭ eĉ pli draste, pure ideologiaj kaj (aŭ) ekonomiaj interesoj destinos la sorton de la popoloj en formo de ekstreme severa interpuŝiĝo...", Li(Zamenhof - noto Almus) ankaŭ ne povis suspekti, ke ĉio ĉi grandgrade disvolviĝos malpli en la kadro de naciecoj, sed pli sur la fono de du principe antagonismaj sistemoj kun principe sama detrua impeto kontraŭ la ekziston de ĉio vivanta sur nia Tero.

Ne pri ĉio pravas la aŭtoro de la artikolo. Vere, la ekologio kiel scienco kaj praktiko estas grava socia, homama aktiveco. Sed ankaŭ la ideologio de L.L.Zamenhof ne restis kiel homaranismo, sed grave evoluis kaj speciale en la jaroj antaŭ lia morto, kiam tiu "enpuŝiĝo" transformiĝis en teruran sangavidan militon inter ŝtatoj de unu socia sistemo. La Dua Mondmilito komenciĝis kiel unusistema, tamen post la barbara invado de hitlerfaŝismaj bandaĉoj en la neŭtralan Sovet-Union la milito estiĝis patrolanda por la ataki-

ta lando kaj inter du sociaj sistemoj en monda skalo.

Kaj nun la du sociaj sistemoj povas vivi en paco, sed dum unu el ili proponas pacon, senarmiĝon, neniigon de ĉiuspecaj kaj aliaj teruraj armiloj, la alia ne akceptas la pacproponojn kaj rimedojn. Nuntempe la du sistemoj ne havas principe la saman, detruan impeton kontraŭ la ekziston de ĉio vivanta sur la Tero.

Do, inter la ideologioj de la du sociaj sistemoj estas diferenco granda, dependanta de iliaj celoj kaj impetoj. La neŭtraleco en esperantismo estas gravega afero, sed ne tio decidos la sorton de nia bela planedo - la Tero.

ALMUS

## „ESPERANTA LIGILO" — 80-jara

En nia movado ni tro ofte bedaŭras la malaperon de iu gazeto. Verdire okazas kelkfoje, ke tia malapero ne estas tro bedaŭrinda, ekzemple, kiam la koncerna periodaĵo montriĝis nekapabla respondi al realaj bezonoj, aŭ kiam ĝi estis fuŝredaktata laŭ enhavo aŭ lingvouzado. Tamen la ĉefa malamiko de niaj internacilingvaj revuoj estas la manko de mono aŭ de adekvataj kunlaborantoj, tiel ke relative malmultaj sukcesas atingi longan kaj regulan aperadon. Tiu situacio tiom pli reliefigas la esceptojn.

"Esperanta Ligilo", universala revuo por blinduloj, en brajla skribo kaj en Internacia Lingvo ekaperis en 1904 kaj, krom interrompoj dum parto de ambaŭ mondmilitoj, ĝi daŭre aperis, de tiam dekfoje en la jaro kun legantoj en 40 landoj tra la mondo.

Ĝin fondis profesoro Teophile Cart (1855 - 1931) en Parizo, kunlabore kun la unuaj blindaj esperantistoj, el kiuj ni menciu Couillard (Amiens), la unuan presiston de la revuo, kaj precipe la surdblindan svedon Harald Thilander. Ĉi tiu fondis propran brajlopresejon kaj baldaŭ prenis sur sin ne nur la presadon, sed ankaŭ la redaktadon(1912).

"EL" fariĝis oficiala organo de UABE(Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj)

fondita en 1923 kaj poste transformiĝinta en tute novkarakteran federacion UABO (Universala Asocio de Blindul Organizaĵoj, 1931).

Post la Dua Mondmilito la cirkonstancoj sanĝiĝis. Imite al UN la grandaj potencoj organizis la blindulan mondon sur novaj bazoj, bedaŭrinde sen Esperanto. Tiam(1950) fondiĝis LIBE (Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj) kaj tute nature "Esperanta Ligilo" fariĝis ĝia oficiala organo. La blinduloj havas apartajn bezonojn, i.a. pro uzado de la brajla skribo, sed ili ne volas resti izolitaj. Tial LIBE estis unue kunlaboranta asocio kun UEA, sed nun ĝi estas aliĝinta al la ĉefa instanco de la E-movado.

En 1958, ses monatojn antaŭ sia morto, Harald Thilander transdonis al la subskribinto la redaktadon de "EL". Lia vidvino ankoraŭ presis la gazeton dum sep jaroj; poste la presado okazis en Svislando (1966 - 1971) kaj nuntempe ĝi okazas en Lyon (Francio).

Per artikoloj aŭ komunikoj speciale verkitaj por ĝi, per reproduktaĵoj el la ordinara E-gazetaro, per tradukoj el diversaj lingvoj, la gazeto informadas siajn legantojn pri la apartaj okazaĵoj de la nevidantaj esperantistoj,pri la specialaj aferoj de la ĝenera la E-movado. Krom tio ĝi enhavas literaturan kaj kulturan parton, publikigas ŝakangulon, stenografian paĝon, enigmojn kaj problemojn sub formo de skalkonkurso, interhelpan rubrikon per demandoj kaj respondoj, humuron, anoncetojn ktp.

La eldonkvanto varias inter 500 kaj 600 ekz., kio signifas almenaŭ 2000 legantojn, ĉar multaj kajeroj iradas de mano al mano, precipe en orientaj landoj. La plejmulto el ili ne povas pagi sian abonon kaj la eldonado postulas monhelpon. Feliĉe LIBE ricevas kelkajn subvenciojn de blindul organizaĵoj en kelkaj landoj kaj donacojn. Nur dank'al tio ni povas elteni.

La 80-jara aperado kaj prospera disvastigo de "Esperanta Ligilo" estas pruvo pri ĝia utileco kaj pri la oportuneco de Esperanto. Ĝi ankaŭ povus esti ekzemplo por la mondo de vidantoj.

R. GONIN (Francio),
El "Franca Esperantisto"

## "LA ESPERANTISTO" reaperonta

En sia interlingvistika kaj esperantologia prospekto eldonejo Olms (Hagentorwall 7, D-3200 Hildesheim, FRG) anoncas i.a. la represon de la unua E-revuo "LA ESPERANTISTO" (1889-1895, Nürnberg). Ĉiu esperantisto scias pri la escepta signifo de tiu frua revuo de la tiama E-movado. Ĝi prezentas ne nur gravan historian fonton, sed eĉ lingvan repertuaron ĝis nun ne ekspluatitan.

Oni esperas, ke la represo povos aperi ĝis la jubilea jaro, se troviĝos sufiĉaj antaŭmendoj. La prezo estas 148 DM, la posta vendo-prezo 178 DM. Eblas mendi rekte ĉe la eldonisto aŭ ĉe la movadaj libroservoj.

## NOVA REVUO PRI KOMERCO

Antaŭ nelonge aperis n-ro 1 de la nova E-revuo "Internacia Revuo pri Ekonomio kaj Komerco", kies redaktoro estas d-ro Thomas A. Goldman kaj ĝin eldonas INTERFAKTO, P.O.B. 42205, Washington, DC 20015, Usono.

En tiu numero aperis kvar artikoloj: "Kelkaj demandoj de la centra direktado kaj entreprena memstareco en Hungario" de Otto Lukacs, "La ekonomio de insula ŝtato" de W.R.Harmon, "La japana ĝenerala komerca kompanio: ĉu ĝi estas unika?" de Y. Seiko, "Konjunkturaj aspektoj de usonaj statistikoj pri senlaboreco" de Thomas A. Goldman. Je la fino troviĝas terminologiaj notoj.

## "OVO" - NOVA REVUO POR DISTRO KAJ AMUZO

En Zagrebo kuraĝe startis "Ovo", nova revuo por distro kaj amuzo. Malgraŭ la diversaj krizoj kaj problemoj "Ovo" ne perdas optimismon. Oni planas eldoni 15 numerojn en 1985. Helpu kunkovi, ebligu maturiĝon de la embrio... Ankaŭ ĝi riĉigu Esperanton sojle de ĝia centjara jubileo.

Prezo por 15 numeroj: 10 us. dolaroj aŭ egalvaloro.

Ĉiuj redakcioj estas petataj sendi interŝanĝe siajn periodaĵojn al: "Ovo", Amruševa 5, YU-41000 Zagreb, Jugoslavio.

# OPINIOJ PRI „INTERNACIA ĴURNALISTO"

Trenčín, 14.02.1985 Al la Redakcio de "IĴ"

Estimata Redakcio,

Danke mi konfirmas la ricevon de n-roj 2,3,4/1984 de "Internacia Ĵurnalisto", kiujn mi kun intereso tralegis kaj informis pri ilia enhavo dum kunvenoj nian E-klubon. La aperigitaj fotaĵoj bone pliriĉigas la enhavon de unuopaj numeroj. Precipe la kvara numero de la pasintjara kolekto estas ankaŭ laŭ aspekto sur bona nivelo.

Volonte mi akceptos ankaŭ la sekvontajn numerojn.

Ján LAMAČKA,
Ĉeĥoslovakio

Eĥo pri la artikolo

"En la fabelaj landoj de Meza Azio"/"IĴ", 2/1984/

La menciita artikolo altiris mian atenton, ĉar antaŭ kelkaj jaroj ankaŭ mi turiste travojaĝis grandan parton de la sovetia Meza Azio, vizitante tiam la urbojn Buĥara, Taŝkent, Samarkand en Uzbekio kaj Penĝikent en Taĝikio. En la belega Taŝkent mi renkontiĝis dufoje kun Petro Polišĉuk kaj mallonge - por nuraj du minutoj - ankaŭ kun Eŭgeno S. Perevertajlo (laŭdevene ukrainano), nuna elstara aktivulo de la E-movado en Uzbekio.

Krom tio mi posedas priskribon de tiuj regionoj ankaŭ de la estona esperantisto Eduard Raus, kiu ilin traveturis kune kun sia edzino fine de 1981. La komparo de miaj vojaĝspertoj kun tiuj de Raus kaj Keremidĉiev-Esperov ebligas al mi pli bone,pli komplete kompreni diversajn faktorojn, morojn, kutimojn, trajtojn de tiuj foraj (kaj ĉi tie relative malmulte konataj) landoj de la vastega Sovet-Unio

Aldone: jen kelkaj pensoj el la letero de Eduard Raus, Tallinn:

"Al Kazaĥio kaj Mezaziaj respublikoj mi veturis kun la edzino. La vojaĝo plene sukcesis. Ni vizitis Alma-Ata, Frunze, Taŝ

kent, Samarkand, Navoi, Buĥara kaj kelkajn ne vaste konatajn lo kojn. Ĉie nin akceptis lokaj esperantistoj., ĉe ili ni loĝis,nin ili ĉie akompanis. Aperis multaj novaj interesaj geamikoj, ĉiuj ili estis invitataj gasti ĉe mi en Tallinn. Esperanto-movado ko menciĝis antaŭnelonge en tiuj respublikoj. Kia movado povis tie estiĝi antaŭ la revolucio en 1917, se nur 0,5 - 1% de la loĝantaro estis skribo-legopova?! Diference de nia Tallina klubo, la plejparto de esperantistoj tie estas junaj homoj, precipe studentoj. La plej vigla movado estas en Taŝkent kaj Samarkand".

... Ni propraokule vidis la atingaĵojn de tiuj popoloj, antaŭ la revolucio plene kaj ĉiurilate postrestintaj.

Ján LAMAČKA

PROPONOJ PRI NOVA STATUTO DE TEĴA

-Oscar Stolberg, Leipzig, GDR. - Laŭ mia opinio sub rubriko II pri "celoj", sub cifero 3 estu jena teksto:"La organo de TEĴA "Internacia Ĵurnalisto" pritraktas la mondajn aferojn laŭ esperantisma ideologio".

-Joĉjo Ĝurić, Beogrado, Jugoslavio - proponas pri punkto 4 "Membreco" la jenon: "La membreco konsistas el tri kategorioj: A-, B-, kaj C-membroj. A-membro estas ĉiu esperantisto, kiu finis iun ajn ĵurnalistan lernejon, sendepende ĉu li vivtenas sin per ĵurnalismo kaj verkado, ĉar ekzistas homoj, kiuj finis ĵurnalistan lernejon kaj nek laboras kiel ĵurnalistoj, nek membras en profesia ĵurnalista organizaĵo. La aliaj kategorioj B- kaj C-membroj estu la nunaj (laŭ via projekto) A kaj B, ĉar laŭ ideologiaj kaŭzoj en iuj landoj oni ne rajtas esti kaj labori kiel ĵurnalistoj.

En rubriko VII."Faka jarkunveno" anstataŭ "la prezida kolego havas du voĉojn ĉe nepara nombro de voĉdonantoj", mi proponas, ke neniu ĉeestanto rajtas sin deteni (t.e. montri indiferentecon). Oni devas voĉdoni aŭ per "por", aŭ per "kontraŭ".

Pri rubriko XI. "Reprezentantoj" - ĉar la landaj sekcioj, filioj de nia Asocio estas memstaraj, ili rajtas elekti siajn gvidantojn kaj reprezentantojn.

# Ricevitaj esperantaĵoj

- La glacikovrita ponto - romano de Ljuben Stanev, 148-paĝa. Pri la bulgara heroo, internacia kontraŭfaŝisto kaj sociaganto Georgi Dimitrov kaj pri la intenco de H. Gjoring kaj aliaj hitlerfaŝistaj gvidantoj mortigi Dimitrov kaj liajn du kamaradojn-juĝatojn post la fama juĝproceso en Leipzig per intenca aŭtoakcidento. Bona artaranĝita eldonaĵo de Ŝtata Eldonejo "Sofia-Pres", 1984.

- La evoluo de la trafiko kaj ĝia polucio - sciencaj artikoloj de prof. Ĥristo Marinov kaj Anna Szekely, eldonaĵo de fervojista kaj ekologia sekcioj de Bulgara Esperantista Asocio.La enkonduko estas verkita de Ludoviko Kökeny(Hungario). La libro estas 186-paĝa, eldonita okaze de la 36-a IFEF-Kongreso en Suna Bordo ĉe Nigra Maro, Bulgario. Ofset-presejo de BEA, Sofio 1984.

- Kvin noveloj de F. Tuglas - tria reviziita eldono de estona eldonejo "Eesti Raamat", Tallinn 1984. En la 128-paĝa libro pri la granda estona verkisto kaj liaj verkoj estas tripaĝa antaŭparolo de August Eelmäe. La tradukon en Esperanton faris H. Seppik, redaktis J. Palu kaj belarte aranĝis kaj ilustris I. Rendessep.

# el nia leterkesto

- Bernard Golden, Veszprem, Hungario. - Dankon pro la sendita artikolo pri interesa lingva problemo. Ĝi jam aperis en n-ro 1/1985 de "IJ". P[illegible] zure ni atendas ankoraŭ kontribuaĵojn.

- Joĉjo Ĝurić, Kraljevo, Jugoslavio. - Danke ni ricevis Viajn statutproponojn.

- O.Stolberg, Leipzig,GDR. - Dankon pro la statutproponoj. Viajn petojn ni afable plenumas.